# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.— sv. fk.

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 10 abonoj po 1 20 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.10 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,20 sv. fk., 5 ekz de unu numero po 0.15 sv. fk., 10 ekz. po 0.12 sv. fk., 25 ekz. po 0.11 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 3.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0 10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adreso:**

**Heroldo de Esperanto**

**Horrem bei Köln (Germanujo)**

Fako: **Verda Stelo.**

**Redaktoro:** Teo Jung.

**Poŝtĉekaj kontoj:**

Germanujo: Köln 75102 Heroldo de Esperanto, Horrem.

Danujo 4962, Heroldo de Esperanto, Horrem Germanujo).

**Diverslandajn valutojn ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0 10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 3 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12½ hisp. peseto, 0.12 pengo, 0.45 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0 10 latva lato, 0 20 litova lido, 0.05 nederl. guld, 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto aŭ sveda krono. Rusoj pagu al la agentejo de Heroldo: Geo. Teterin, Fontanka 21, kv. 7, Leningrad, laŭ kurzo: 0.10 sv. fk. = 0.04 or-rubl. kaj 20% por perado.

**N-ro 2** | **Februaro** | **1927**

# Esperanto progresas.

## Esperanto.

**Esperanto bone progresas en Egiptujo. Nova Esperanto-grupo fondiĝis en Port Said. Ankaŭ en Alexandria, Kairo kaj Tanta la movado ekfloris. En Konstantinoplo ekzistas esperantistoj el dek nacioj; delegito de Universala Esperanto Asocio en Konstantinoplo estas s-ro Hilmi Djelil Bej.**

**La 18-a Brita Esperanto-Kongreso okazos paskon en Cheltenham Spa, la 16-a Germana Esperanto-Kongreso paskon en Köln, la 3-a Nederlanda en Haarlem (28—29 majo), la 14-a Kataluna en Sóller (insulo Mallorca, 5—7 junio). La plimulto de la aliaj naciaj Esperanto-kongresoj okazos pentekoston. La nunjara (19-a) Universala Esperanto-Kongreso okazos en Danzig (28 julio ĝis 4 aŭgusto), la 20-a okazos venontan jaron en Antwerpen.**

**En Sovet-Ruslando ekzistas pli ol 10 000 organizitaj esperantistoj. La soveta registaro favoras Esperanton. La rusa poŝta administracio jam eldonis du poŝtmark-seriojn kun Esperanto-teksto.**

## English.

Esperanto is making good progress in Egypt. A new Esperanto group has just been formed in Port Said. Also at Alexandria, Cairo and Tanta the movement is in a florishing condition. At Constantinopol there are Esperantists of ten different nationalities; the delegate of the Universal Esperanto Association there is Mr. Hilmi Djelil Bey.

The 18th British Esperanto Congress will take place during Easter in Cheltenham Spa, the 16th German Esperanto Congress at Cologne also during Easter, the 3d Dutch Esperanto Congress at Haarlem (28—29 of May), the 14th Catalonian Congress at Soller (the Island of Majorca, 5—7 of June). Most of the other national Esperanto Congresses will take place during whit-week. This year's 19th Universal Esperanto Congress will take place at Danzig (28 of July to the 4th of Aug.), the 20th will take place next year at Antwerp.

There are more than 10 000 organised Esperantists at present in Sovietland. The Soviet government favours Esperanto. Their postal administration has already issued two series of stamps with Esperanto texts.

## Deutsch.

Esperanto macht gute Fortschritte in Aegypten. Eine neue Esperanto-Gruppe ist in Port Said entstanden. Auch in Alexandrien, Kairo und Tanta blüht die Bewegung auf. In Konstantinopel gibt es Esperantisten aus zehn Nationen; Delegierter des Esperanto-Weltbundes in Konstantinopel ist Herr Hilmi Djelil Bei.

Der 18. Britische Esperanto-Kongress findet zu Ostern in Cheltenham-Spa statt, der 16 Deutsche Esperanto-Kongress gleichfalls Ostern in Köln, der 3. Niederländische in Haarlem (28—29. Mai), der 14. Katalanische in Soller (Insel Mallorca, 5.—7. Juni). Die Mehrzahl der anderen nationalen Esperanto-Kongresse finden zu Pfingsten statt. Der diesjährige (19.) Esperanto-Weltkongress wird in Danzig abgehalten (28. Juli bis 4. August), der 20. nächstes Jahr in Antwerpen.

In Sowjet-Russland gibt es mehr als 10 000 organisierte Esperantisten. Die Sowjet-Regierung begünstigt Esperanto. Die russische Postverwaltung hat bereits zwei Freimarken-Serien mit Esperanto-Aufdruck ausgegeben.

## Français.

L' Esperanto fait des progrès en Egypte. Un nouveau groupe espérantiste vient de se constituer à Port-Said. A Alexandrie, au Caire et à Tanta le mouvement se développe. A Constantinople, il existe des espérantistes de dix pays; le délégué de la Universala Esperanto Asocio à Constantinople est M. Hilmi Djelil Bei.

La 18e Congrès espérantiste britannique aura lieu pendant les fêtes de Pâques à Cheltenham Spa, le 16e Congrès espérantiste allemand à Cologne à la même époque, le 3e Congrès néerlandais à Haarlem (les 28—29 mai) et le 14e Congrès catalan à Sóller (île de Mallorca, les 5—7 juin). La plupart des autres congrès nationaux espérantistes auront lieu à la Pentecôte. Le 19e Congrès Universal de l' Esperanto se tiendra cette année à Dantzig (du 28 juillet au 4 août) et le 20e l'année prochaine à Anvers.

L' Union Espérantiste de l' U. R. S. S. compte plus de 10 000 membres. Le gouvernement soviétique favorise le mouvement espérantiste. L' administration russe des P. T. T. a déjà fait paraître deux séries de timbres avec texte en Esperanto.

## Sukceso de Verda Stelo daŭras.

La konstanta progreso de Verda Stelo pruvas, ke nia ideo, liveri al la esperantistaro kiel eble plej malkaran organon, estis prava. Ĉiutage alvenas novaj abonoj. Multaj grupoj, kiuj komence mendis nur 10 aŭ 20 ekzemplerojn, postmendas pliajn; kelkaj duobligis, eĉ triobligis la komence menditan kvanton.

Precipe ĝojiga estas la fakto, ke du asocioj — la hungara kaj la finna — decidis uzi Verdan Stelon kiel sian oficialan organon. Se pluaj asocioj decidos same, ni povos eventuale aldoni, dumonate aŭ eĉ monate, specialan folion kun la oficialaj komunikoj de la koncernaj asocioj.

Por la fondota

**Internacia Presa kaj Eldona Societo**

sur la bazo de nia jam ekzistanta entrepreno (presejo-eldonejo) estas ĝis nun subskribitaj ĉ. 50 akcioj po 100 rmk., entute ĉ. 5000 rmk. Ĉar la minimuma sumo bezonata estas 10 000 rmk. (por malpli ne valoras fondi novan societon), ni atendas pluajn subskribojn.

Do, bonvolu plej baldaŭ sendi al ni vian provizoran *nedevigan* anonciĝon kun indiko, *kiom da akcioj po 100 rmk. vi eventuale deziros.*

**Eldonejo de Verda Stelo kaj Heroldo.**

## Tra Esperantujo.

**Internacia Instituto de Intelekta Kooperado**

en Parizo dissendis jam sian duan informan cirkuleron en Esperanto. Ĝi estas publikigita en Heroldo n-ro 2 de 14. 1. 1927.

**La 13-aj Int. Esp. Floraj Ludoj**

okazos la 5—7. 6. 1927 en Sóller sur insulo Maljorko. Konkursontaj verkoj (rakontoj, poemoj, artikoloj originalaj aŭ tradukitaj) devas alveni ĝis 28 2. ĉe la sekretario s-ro Delfi Dalmau, Carrer Valencia 245, Barcelona. Estas promesitaj valoraj monaj kaj aliaj premioj. Konkursontaj verkoj devas esti ne jam eldonitaj. La manuskriptoj devas porti surskribitan devizon sen la nomo de la verkinto: ili devas esti akompanataj de fermita koverto, kiu surhavas la saman devizon kaj entenas la nomon kaj adreson de l' verkinto.

**Esperanto kaj turismo.**

Dana Turisma Asocio iniciatis aperon de artikolo pri „Danlando kiel turistlando" en Heroldo (n-ro 3 de 21. 1. 1927) kaj pruntedonis ok belajn kliŝojn por ilustri la artikolon. La asocio volonte respondos pri turismaj aferoj en Danlando, en angla, franca kaj germana lingvoj kaj en Esperanto. Adreso: Turistforeningen for Danmark, Vestre Boulevard 18, Kopenhago B, Danlando.

En Budapest kelkaj hoteloj uzas Esperanton. Hotelo kaj banejo Császárfürdö metis en la ĉambrojn informoin en lingvoj hungara, germana kaj Esperanto. Hotelo Continental eldonis broŝuron en kelkaj lingvoj kaj Esperanto. Hotelo Royal, la plej granda hotelo en Hungarujo, aliĝis kiel „entrepreno" al UEA.

**Esperanto kaj radio.**

Post multaj aliaj, ankaŭ la sendstacio de Kaunas (Kovno), ĉefurbo de Litovio, depost 2. 2. dissendas Esperanto-kurson ĉiuvendrede je la 18-a vespere.

La 29. 1. la nova rejnlanda sendstacio Langenberg (Germanujo) dissendis programon en germana lingvo kaj en Esperanto. La programon plenumis nia samideanino s-ino Herrnstadt-Oettingen el Berlino, kiu estas konata recitistino.

**Internacia Ĝardenista Asocio**

ĝis nun ne ekzistas. Nia samideano Paul Neergaard en Kopenhago O, Kastelvej 21, Danlando, intencas fondi tian asocion kun Esperanto kiel internacia lingvo. Interesuloj skribu al li.

## Tra la mondo.

Malmultajn gravajn okazaĵojn notas la kronikisto en la unua monato de l' nova jaro.

En Eŭropo la vintro ŝajne ne volas veni, la temperaturo estas varmeta, kaj ofte falas pluvo. La aĉa malseka vetero tre favoras la gripon, kiu pli malpli regas en ĉiuj landoj. En multaj urboj de Danlando oni malpermesis publikan dancadon. El Parizo oni raportis (kvankam tio kompreneble estis multe troigita kaj nur „gazet-ansero", kiel sciigas nia Pariza korespondanto), ke dum iuj tagoj la ĉerkoj ne sufiĉis por la mortintoj. Ankaŭ en Germanujo kaj aliaj landoj la gripo atakis multajn homojn, kvankam ĝenerale ĝi restas milda kaj mortigas malmultajn personojn.

Germanujo ĝuste ĉirkaŭ la Novjaro ne havis registaron, kaj daŭris longtempe, ĝis post multaj klopodoj la „centrumestro" Marx sukcesis starigi novan kabineton el anoj de la germannacia (konservativa), germanpopola (liberala) kaj centruma (katolika) partioj.

En Ĥinujo ĉiam daŭras la necerta situacio. Britujo sendis tien grandajn truptransportojn. Oni povas esti scivola, kiel la aferoj aranĝiĝos en la Malproksima Oriento.

En katolikaj landoj multloke Princ' Karnavalo nun svingas la sceptron. Konataj estas la karnavalaj festoj de Romo, Venecio (Italujo), de Nice-Nizza (en Francujo), de Kolonjo kaj München (en Germanujo). En laste nomita lando la malbonaj sekvoj de l' milito dum iuj jaroj minacis mortigi la karnavalon; sed iom post iom ĝi reviviĝis. Precipe la rejnlanda popolo, malgraŭ la okupacio, ne perdis sian vivovolon, sian serenecon kaj bonhumoron. Oni festas, maskiĝas, dancas kaj ĝojas, kvankam per modestaj rimedoj kompare kun la antaŭmilita tempo. Sed kion helpas pesimismo, plendado kaj senfina funebrado? Malgraŭ ĉio — malgraŭ milito, ekonomia krizo kaj ĉia malagrablaĵo — la mondo estas bela. Oni devas nur scipovi elĉerpi la belaĵojn el la rubo de l' ĉiutago. Ni ĝuu la belan mondon, ni ĝoju kaj esperu pli bonajn tempojn!



*Zoppot (Libera urbo Danzig). — Marponto kaj Kuraca Domo (Kurhaus).*

# Letero el Danzig.

Karaj gesamideanoj!

Per tiu ĉi letero mi plenumas la promeson donitan al vi ĉiuj, kiuj el la plej diversaj lokoj turnis sin al mi petante pri detaloj rilate la alvojaĝeblecojn al Danzig, la kongresurbo de nia Deknaŭa.

Kiel ni jam diris en nia unua kongresa informilo, ekzistas multaj vojoj por atingi Danzigon: tra la aero, trans la maron, per la fervojoj. Ĉies gusto povos esti kontentigata! Kies financoj ne permesas la uzon de aeroplano, tiu povos elekti la ŝipon; kiu timas la marmalsanon, preferos la vagonaron.

Nun mi turnas min precipe al tiuj, kiuj ial estos devigataj vojaĝi solaj. — Uzante *aeroplanon* aŭ *ŝipon rekte veturantan* al Danzig vi *nur* bezonas *pasporton* sen ia vizo, kontraŭe por la *fervojo* estas necesa la *vizo* de ĉiu lando, kiun vi intencas travojaĝi. La diversajn vizojn vi devas prizorgi laŭ la renversita sinsekvo de la ŝtatoj, kiujn vi traveturos, do komencante per Danzig. Nun *Danzig ne postulas ian vizon*. Ankaŭ la *pola vizo* estas ne nepre necesa kvankam *rekomendinda*, mi tion tuj pli detale klarigos. Se vi traveturos Germanujon, vi nepre bezonas germanan vizon. Pri la aliaj vizoj LKK (Loka Kongresa Komitato) poste ankoraŭ sciigos pliajn detalojn. Hodiaŭ mi nur deziras priskribi ankoraŭ la alvojaĝeblecojn de Berlin al Danzig *kun* kaj *sen* pola vizo.

*Kun* pola vizo vi povas uzi aŭ la linion Berlin-Stettin-Stolp-Neustadt (Wejherowo)-Danzig aŭ la linion Berlin-Schneidemühl Konitz (Chojnice)-Dirschau (Tczew)-Marienburg-Danzig. Pli agrabla, *ja plej agrabla estas la vojaĝo laŭ Stettin kun pola vizo*. Tiam vi ne bezonas ŝanĝi la vagonaron kaj spertas nur du pasport-kontrolojn kaj unu revizon de viaj pakaĵoj *en* la vagonaro ĉe Strzebelin. Vi forveturos de Berlin (Stettiner Bahnhof) je 8.15 h. atgm. kaj alvenos en Danzig je 5.50 h. ptgm.

Sur la linio Schneidemühl-Danzig vi devas ŝanĝi la vagonaron en Dirschau (Tczew) (nur permesata al la vojaĝantoj de la dua klaso — duhora restado en Dirschau [Tczew]) aŭ en Marienburg, kaj vi suferas pli oftan kontrolan kaj de via pasporto kaj de la pakaĵo.

*Sen* pola vizo vi povas uzi la samajn liniojn sed devas atenti pri tio, ke la vagono estu tiel nomata *transit-vagono*, en la horaro markita per o. Ĉu laŭ Stettin, ĉu laŭ Schneidemühl, ambaŭkaze vi devas veturi ĝis *Marienburg*, ĉar la vagonoj restas fermitaj kaj vi ne povas elvagoniĝi, nek en Danzig, nek en Dirschau (Tczew). De Marienburg vi povas daŭrigi la vojaĝon aŭ per *malgrand-vagonaro* [Kleinbahn] (neniel rekomendinde, tro longedaŭra) aŭ per aŭtobuso privata aŭ *poŝta* (pli *malmultekosta*: 7 guldenoj).

Kiu ne ŝatas vojaĝi dumtage, al tiu mi rekomendas ankoraŭ alian eblecon. Havigu al vi *polan vizon* kaj uzu tamen la *transit-vagonaron* laŭ *Schneidemühl* ĝis *Marienburg*. (Forveturo de Berlin, Bahnhof Friedrichstrasse, je 11 h. nokte). En Marienburg envagoniĝu post kvaronhora restado (6.49—7.08) personan vagonaron (por kiu vi bezonas la polan vizon) kaj post du horoj kaj 10 minutoj vi alvenos en Danzig je 9.18 h. atgm. Tiam vi vojaĝos laŭeble oportune, kvankam vi spertos, kian sensensaĵon signifas la fama, tiel nomata *koridoro* por la trafiko.

Ĉiu, kiu deziras ankoraŭ pliajn informojn aŭ klarigojn, bonvolu turni sin al mi aŭ LKK, kaj ni respondos aŭ private aŭ laŭ tiu ĉi maniero, se la demandoj interesos plurajn.

Fine permesu, ke mi refoje akcentu, kiom valoras via plej rapida aliĝo. Vi ja ĉiuj bone scias, ke la unuaj paŝoj estas ĉiam la plej malfacilaj, kaj nia LKK estas faranta la unuajn paŝojn kaj povos nur progresi, se vi helpos per via mono. Por ke vi povu jam nun taksi la proksimumajn vojaĝkostojn, mi ankoraŭ aldonas la prezojn (en Danzigaj guldenoj) por la diversaj vojoj almenaŭ de la plej proksimaj ĉefurboj:

25 guldenoj = 20 germ. rmk. = 1 angla funto = 25 sv. frankoj.

| fervojo: | I. kl. | II. kl. | III. kl. |
|---|---|---|---|
| 1. Berlin-Swinemünde-Zoppot-Danzig (de Swinemünde al Zoppot per ŝipo, krompago por kabino 7,40 gld.) | —,— | 39,85 | 33,80 |
| 2. Berlin - Stettin - Stolp - Neustadt - Danzig | 74,50 | 50,50 | 32,80 |
| 3. Berlin - Schneidemühl - Konitz Dirschau-Marienburg-Danzig | 75,80 | 51,80 | 33,80 |
| 4. Königsberg Danzig (aŭ per ŝipo = 10,60 rmk.) | 34,10 | 22,40 | 14,20 |
| 5. Wien-Mittelwalde-Danzig | 133,40 | 83,60 | 49,60 |
| 6. Kopenhagen-Danzig | 160,20 | 111,30 | 70,60 |
| 7. Oslo Danzig | 328,90 | 198,50 | 123,— |
| (8. Warszawa-Danzig | 58,20 zl. | 33,12 zl. | 23,80 zl.) |
| Königsberg-Danzig per aeroplano | | | 25,— gld. |
| Berlin-Danzig „ „ | | | 62,50 „ |

Por la britaj gesamideanoj, kiuj jam tiom fervore aliĝis, mi aldonas, ke mi pagis por la vojaĝo de Edinburgh al London iom pli ol 2 funtojn, de London laŭ Folkestone-Vlissingen al Berlin (II. kl.) 4.14.2 funtojn.

Esperante, ke tiuj ĉi informoj utilos al vi kaj rapidigos vian favoran decidon, mi salutas vin

samideane

*Kaethe Marquardt.*

# Opinio de eminentulo.

## Generalo Schönaich pri Esperanto.

En publika kunveno de la pac-asocio Grünberg (Silezio) kun generalo Schönaich kiel oratoro, li estis demandata pri sia opinio koncerne Esperanton. Je tio li respondis al la ĉeestantoj, ke li havas grandan intereson por la mondlingva movado kaj ke laŭ la hodiaŭa stato de la afero *nur Esperanto* estas konsiderinda kiel mondlingvo. Plue li diris, ke li ĝis nun ja sukcesis veni tra la mondo kun germana, angla kaj iomete da franca lingvoj, tamen unufoje li bedaŭris ne scipovi Esperanton, nome ĉe la lasta internacia kongreso de la militservo-rifuzantoj en Anglujo.

(Laŭ gazeto „Orienta fronto“ n-ro 3, aldonaĵo al la gazeto „La homaro“ en Wiesbaden.)

Trad. *Oŝo.*

Rim. de l' trad. — „La homaro“ (Die Menschheit) nomas sin ankaŭ, laŭ surpreso sur la kapo, i. a. publikiga organo por la mondlingva movado kaj multe raportas pri Esperanto. Precipe la gesamideanoj de Silezio multe uzas la gazeton.

## Germanaj abonantoj

de Verda Stelo, kiuj ĝin abonas aparte, ricevas kun la hodiaŭa numero aliĝilon por la 16-a Germana Esperanto-Kongreso en Köln. Abonantoj de Heroldo ricevos la aliĝilon post unu semajno.

# Maskoj.

Rakonto de *G. S. Chorine.*

El franca lingvo tradukis *M. Meistermann.*

La du pajacoj, amarantaj kaj oraj, sin renkontis sub la triumfa arko el paperaj floroj en la balsalono, plenigita de la maskita homamaso, striita de paperserpentoj multkoloraj.

Japanaj lanternoj balancadis sur la plafono siajn lumajn konturojn. Sub ilia orumita lumo arlekenoj, bajaderoj, kovbojoj kaj ciganoj dancis, ludis, kuris, haltigis unu la alian, flirtis kaj eĉ sin kisis, infektitaj de freneza plezuro kaj de kuraĝo, pliiĝinta pro la masko, kiu ŝirmis ilian duban inkogniton.

La du pajacoj ekhaltis kaj sin reciproke ekzamenis tra la truoj de siaj maskoj el nigra atlaso. Sub la mola silkaĵo de iliaj vestoj oni divenis la formon de iliaj korpoj: la unu estis viro kaj la alia virino.

„Pro Dio, pajaco, frato mia,“ ekkriis la pajaco vira, „ci dancos kun mi ĉi tiun vesperon. Vidu do!!! Mi estas amaranta kaj ora, kaj ci estas ora kaj amaranta. La simileco de niaj gustoj nin kunigas por tiu ĉi nokto. Ni estas pro niaj identaj vestoj la paro ideala, la paro perfekta.“

Sin ĉirkaŭtenante la du pajacoj, amarantaj kaj oraj, malproksimiĝis kaj dancis inter la amaso moviĝanta. Nesepareblaj, ili juris retrovi unu la alian je la proksima maskobalo.

Sed la dua vespero, kiu ilin kunigis, ne plu ilin retrovis en vestaĉoj banalaj de pajacoj, kvankam amarantaj kaj oraj. „Li“ aperis kiel Nababo. Lia riĉeco montriĝis eĉ je la pli etaj ornamaĵoj de lia vestaĵo. Li similis al diamanto, facetita je milo da suprajetoj kaj kiu montradis je ĉiu angulo novajn fajrerojn. Kaj „ŝi“ vestiĝis kiel „Sinjorino Dolaro“, skuante orajn monerojn sur sia frunto kaj turne ŝanceligante sian jupon el banknotoj. Ili estis blindigitaj pro sia riĉeco kaj blindigadis la aliajn maskitojn, altiritajn per la ekbrilo de ilia oro, plej certa garantio de feliĉo.

Je la tria balo, certaj ke ili ne forgesos la riĉecon de siaj antaŭaj transvestaĵoj, li kredis povi reprezenti la „Inteligentecon“, ŝi la „Spritecon“.

Ŝi admiradis, kiel la buŝo kaŝita sub la puntoj de lia masko povis paroli pri ĉiuaĵoj, kaj li estis ravita de ŝiaj respondoj, brilantaj kiel la pajletoj de ŝia transvestaĵo.

Tiel do ili ĉeestis ĉiujn balojn, diferencaj ĉiun fojon. Ili transvestiĝis je „Beleco“, ili kovriĝis per la kiraso de „Kuraĝo“, ili ekprovis eĉ la almozdonadon de la „Boneco“.

Kaj post kiam, similaj al pompaj pupoj, ili trapasis ornamitaj de milo da ornamaĵoj, tiklitaj de milo da virtoj, — ili venis al la lasta balo, „li“ portante la sagojn de Eroso kaj „ŝi“ la rozojn de Amoro.

Post ĉiu balo ili konservadis rememoron ekstreme admirindan unu de la alia. Kaj iliaj songoj estis plenigitaj de feliĉaj miraĵoj.

* * *

La salono, tute brilanta kaj ornamita, komencis malpleniĝi. La girlandoj ŝajnis esti trinkintaj la tutan polvon, kaj la paperaj petaloj de la rozoj faladis.

Pianisto laca refermis sur la estrado sian pianon por la dormo. La violinistoj remetis siajn instrumentojn en iliajn ingojn.

La Amoro kaj la Amorino eliris. En la halo, la urĝanta pordistino surmetis la palton al Eroso, kovrante liajn danĝerajn sagojn, kaj superjetis mantelon sur la tremantan bruston de la juna virino.

Kaj kiel la unuan fojon, kiam ili estis du pajacoj, amarantaj kaj oraj, ili sin rigardis reciproke tra la fendoj de siaj maskoj, sed jam iomete malpli . . . ĉar pro tiu ĉi malkara mantelo ili estis nun rejetitaj en la ordinaran vivon.

Tra la malfermita pordo vidiĝis la strato en matenkrepusko de malgaja tago, striita de pluvo.

Pasis laboristo kun piedoj pezaj, la hakilon sur la ŝultro, kurbiĝinta pro la pluvego.

„Levu vian maskon,“ diris la Amoro, „ho, diino mia, la tempo de maskado pasis, kaj oni devas povi nun sin rekoni en la vivo!“

„Haltu, ekkriis arlekeno jus aperinta en la halo, „ĉu vi estas freneza? Levi sian maskon, post kiam oni estis alterne la Beleco, la Inteligenteco, la Forto kaj la Fortuno? Tio estus stulteco aŭ frenezeco . . . La Amoro nun envolvas vin je siaj trompaj ĉarmoj. Kredu min kaj konservu vian maskon.“

„Iru for,“ ekkriis la Amorino, „iru for, bomena arlekeno!“

„Mi foriras, princino . . . Baldaŭ mi estos, malgraŭ mia vizaĝo makulita de arlekeno, la plej bela en via memoro . . .“

Kaj li foriris, ridegante. Do, konfidaj je si mem, ili faligis siajn maskojn . . .

Ŝi estis palega; hararo de nuanco nedifinebla falis sur okulojn senkolorajn. Tri sulkoj fiksigis sur ŝia frunto frumaturan aŭtunon, kaj la lipoj estis fermitaj, maldikaj, kvazaŭ entiritaj pro malboneco, preta por eksplodo.

Kaj li, li montris vizaĝon de homo peza kaj bruta. Lia malinteligenta rigardo fiksis ŝin en delikateco.

Ili rigardis unu la alian, terurigitaj esti tiel malproksime de sia revo, kaj poste, sen diri ion, ili disiris ĉiu je sia flanko, sub la pluvo, kiu senkompate ĉifonigis iliajn vestaĵojn de maskuloj.

## Ŝerco.

Instruisto: Pro kio vi venas tro malfrue, Petro?
Petro: Patro bezonis min.
Instruisto: Ĉu li ne povis uzi iun alian anstataŭ vi?
Petro: Ne, sinjoro instruisto, ĉar li bastonadis min.

*E. S. Turunen*, Kuopio (Finnlando).

# Al la dua generacio.

„Generacio venas kaj generacio foriras“ — tiu ĉi antikva sentenco jam povas esti adaptata ankaŭ al nia movado, kiu eniras nun en la jubilean jaron de sia ekzistado, ĉar 40 jaroj pasas nun de la tago, en kiu nia lingvo ekvidis la lumon de la mondo, kaj jam la dua generacio ĝin uzadas kaj pro ĝi batalas.

Ekzistas movadoj, kiuj travivis jam tre multajn generaciojn. Tiuj movadoj posedas siajn tradiciojn kaj spertojn, dank' al kiuj kristaliĝis iliaj ideaj deklaroj kaj ekstera sinteno. Sed nia movado estas ankoraŭ tre juna kompare al la aliaj, kaj en la lasta tempo ĝi vivas sen iu ajn idea deklaro.

Kiam nia Majstro estis ankoraŭ vivanta, nia movado, dank' al lia potenca influo, posedis pli aŭ malpli difinitan deklaron, aŭ pli ĝuste — sian „credo“, kiu verdire ne estis oficiala, tamen estis sekvata de la plimulto de l' esperantistaro. Tio estis bona kaj utila por nia movado, kaj kiu konas la historion de Esperanto, tiu scias, ke en tiu tempo nia afero estis tre forta, kaj la esperantistaro, de la noblaj kaj klare difinitaj Zamenhofaj pensoj, sentis sin pli unueca kaj pro tio ankaŭ pli forta kaj rezistema kontraŭ la tiutempaj malhelpoj kaj baroj.

Movado sen idea deklaro ne povas ekzisti. Tion bone konsciis nia Majstro, kaj el siaj belaj pensoj li ŝpinis la „internan ideon de la Esperantismo“. Li ne ĝenis ĝin en limigita kadro, donante al ĝi tiamaniere la eblecon bele kaj sane disvolviĝi, kaj li ne eraris, supozante, ke la entuziasmo, kun kiu multaj liaj adeptoj konfesas tiun ideon, antaŭenpuŝos nian movadon.

Sed post la morto de l' Majstro, lia ideo estis malzorgata, de multaj eĉ malkonfesata. Oni starigis falsan tezon, ke Esperanto estas sole lingvo, kiun ĉiuj povas uzi por siaj celoj, kaj oni penis tiun tezon enkarnigi. Oni eble per tio volis pruvi al la mondo, ke nia lingvo estas sole interkomprenilo, kiel la aliaj lingvoj, ke ĝi estas mirinda helpilo, kiel radio aŭ aviado, kaj tial apartigis de ĝi ĉian oficialan ideon . .

Ni ne atentis, ke tiuj aliaj „interkomprenilo“ ne bezonas movadon en tia senco, kiel Esperanto, ĉar radion aŭ aviadon neniu racia cerbo malkonfesas. Sen nia afero bezonas *idean movadon* tian, kian niaj samideanoj partoprenos kun fervoro kaj entuziasmo, kaj kiu movado likvidiĝos (povos jam likvidiĝi) ne pli frue, ol kiam Esperanto estos efektive jam rekonita kaj uzata de la tuta kultura mondo.

Ĉu ne disiĝo de l' fortoj estas la sekvo de tiu nia „senideiĝo“? Kie estas tiu mirinda unuanimeco, tiu sindonemo kaj sinofero, kun kiuj la unua generacio iam batalis por nia „sankta afero“? Ĉu en la unuaj 20 jaroj, kiam ankoraŭ la „interna ideo“ estis konfesata, la sukcesado de Esperanto ne estis pli granda ol nun, en epoko de la sekvintaj 20 jaroj, kiam ni suriris la vojon de „nura praktikeco“?

La unua generacio pruvis, ke dank' al la „interna ideo“ ĝi faris tre multe por nia afero, ĉar al ni estas nun pli facile varbi 10 000 personojn, ol tiam al ili — nur 10 novajn adeptojn! Sed la dua generacio, por kiu Esperanto estas „sole“ lingvo, ne plenumis ankoraŭ tiom, kvankam ĝi devus esti farinta pli multe. La kaŭzo de tio estas nia „senideiĝo“, la sekeco de nia batalado.

La junularo estas la kolonoj, sur kiuj ni apogas nian estontecon, sed la junularo bezonas idealojn. Esperanto, kiel „nura lingvo“, prezentas neniun idealon kaj per si mem ne entuziasmigas.

Zamenhof donis al ni la lingvon kaj inspiris ĝin per alta ideo. Ĝin ni rekonfesu, ĝi fortigos la junularon, la duan generacion, en ĝia malfacila batalado. Tiu ideo, kiu baptis nian lingvon dum ĝia naskiĝo, donos al ĝi pluan vivoforton kaj devas ĝin akompani, nin entuziasmigante, ĝis tiu feliĉa tago, kiam nia lingvo estos rekonata de la tuta kultura mondo, kaj speciala „Esperanto-movado“ estos jam superflua.

Sed ĝis tiam ni urĝe bezonas ideon por nia movado, por kiu ni fordonus nin kun entuziasmo, faranta miraklojn. *Ilo.*

Rim. de Red. — Utile estas relegi la artikoleton „Esperantismo“ en Verda Stelo n-ro 1 de oktobro 1926.



*Jen kiom entuziasmaj ili estas por Esperanto — la plej junaj gelegantoj de Verda Stelo, geetuloj el la 2-a klaso de la 38-a popollernejo en Berlin-Lichtenberg! Ili lernas Esperanton jam de tri jaroj. En ilia mezo vidu ilian fervoran instruiston s-anon A. Schütte!*

# Eggert Olafsson.

Naskiĝis la 1-an de decembro 1726, finis ekzamenon en naturscienco 1748, vojaĝis esplore tra Islando 1749—1755, estiĝis vic-provincestro 1767, edziĝis en la sama jaro kaj dronis la 30-an de majo 1768.

Jen estas la tuta vivo de Eggert Olafsson, kronike montrita, sed pri lia signifo por lia nacio mi kelkvorte raportos.

Kia estis la stato de la islanda nacio en mezo de la 18-a jarcento? Tre mizera, vere. La dana reĝo, sub kies sceptro la lando kuŝis, jam al si havigis multajn bienojn, kiujn li ludonis al la enlandanoj. La guberniestroj elsuĉis la popolon laŭeble. Sed plej malbona certe estis la monopolo: la reĝo ludonis la tutan komercadon kaj trafikon inter tiu malproksima insulo kaj la kontinento al iu aŭ alia komerca kompanio, kies unua celo estis enspezi. La fremdlandaj komercistoj, kiuj alvenis printempe sed preskaŭ neniam restis dum la vintro kaj forvelis jam antaŭe, estis rigardataj kvazaŭ reĝoj. Ili mem destinis la prezon de siaj varoj, kvankam la registaro donis taksaron; sed se ĝi ne plaĉis al ili, ili ĝin preteriris aŭ vendis pli malbonajn varojn. Oni ankaŭ ne povis forkuri el ilia tiranado, ĉar nur unu komercisto estis en ĉiu distrikto, kaj se liaj distriktanoj aliloke komercis, ili estis severe punataj laŭ leĝoj. Jen specimeno de la stato.

La popolo estis ne bone kulturita, kaj ĝiaj kuraĝo kaj espero estis preskaŭ mortsufokitaj. Tamen neniam tute estingiĝis la sankta fajro de l' interna vivo de la nacio. Precipe ĝi lumis ĉe la simplaj kamparanoj, kiuj ankoraŭ parolis la originalan lingvon ne multe difektitan. Sed la superaj klasoj uzis ian lingvaĉon, nek islandan, nek danan. Skribe ili tamen ofte uzis la danan, kaj eĉ serioze konsilis, ke oni ĉesu uzi la islandan lingvon, akceptante nur la danan. Kompreneble tio ĉi estus mortigo por la nacieco, sed oni preskaŭ hontis esti islandano. Pereo minacis proksime.

Tiam aperis Eggert Olafsson kaj lernigis al la nacio koni sin mem. Lingvon kaj morojn li plipurigis, kaj kantis — li estis eminenta poeto — optimismon kaj memfidon en la popolan animon. Forte subtenate de taŭguloj en financa kaj politika sferoj, li sukcesis veki la dormantan nacian senton. Li provis malfermi la okulojn de l' popolo por la signifo de kiel eble plej sendependa vivo, bazita sur propra naturo de la nacio mem. El fremdlandaj moroj oni akceptu nur tion, kio taŭgas por Islando. Sed plej grave, ke la nacio mem ektrovu la memkonscion kaj sentu sin mem vivanta estaĵo ne kondamnita al morto.

Speciale notinda estas lia influo al la farmado. Li kaj lia bofrato, la pastro Björn Halldórsson, lernigis al la popolo uzi bonaĵojn de la lando mem multe pli bone ol antaŭe. Dank' al ilia senlaca energio la kamparanoj komencis plibonigi siajn vivrimedojn.

Mallonge vivis la poeto-revekisto, sed longe kaj glore vivos lia memoro ĉe la islandanoj, kiuj rigardas lin kiel sian unuan batalanton por la reviviĝo de la nacio post la plej malhela epoko en la islanda historio.

*Olavo Kristjansson*, Korespondanto de Heroldo.

Rim. de red. — Ĉi-supra artikolo devis aperi jam en decembro 1926; ĝi estis prokrastita pro manko de loko. Tamen ni esperas, ke eĉ nun ĝi interesas niajn legantojn.

## *Supren!*

*De H. Remmert.*

*Ardon en koro por nobla ag',*
*Malgraŭ laboro de ĉiutag',*
*Nunon uzante por bona far', —*
*Gaja vi estu kun amikar'!*

*Kaj se vi falis, leviĝu do!*
*Se vi eraris, ne pentu tro!*
*Al suno marŝadu laŭ rekta voj'!*
*Vin akompanu kuraĝ' kaj ĝoj'!*

*Trad. Friedrich Hahn.*

## Popolaj kantoj.

El „Fajreroj“ de *N. Tommaseo.*

Kantoj estas inter la penoj de l' vivo kiel floroj inter sovaĝkreskaĵoj, kiel viva akvo, kiu ŝprucas el la koro de l' tero inter nudaj ŝtonegoj, kiel dia voĉo, kiu alvenas, oni ne scias de kie, kaj kiu ĉien disportas odoron de harmonio.

De kie venis popolaj kantoj kaj kiam ili naskiĝis, nur tiu scias, kiu scias jaron kaj momenton, en kiu semo de malgranda kverko falis meze de montaro kaj kiam ĝiaj unuaj folioj verdigis la ŝtonojn. Sed almenaŭ tio estas vera, ke niaj popolkantoj ne naskiĝis sub ĉapelo, nek unue eliris el la buŝoj de nobeluloj. La spirito de harmonio ne rigardas la veston sed spiras kie ajn; kaj koro, kiu tremetas en nuda brusto, estas koro homa. Kuraĝo ne estas ora objekto, nek amo — arĝenta.

Kantoj estas nia historio, en ili ni serĉas nian bonon kaj malbonon. Aliaj popoloj estimas ilin, tradukas ilin kaj miras pri ili, kaj ni hontas pri ili kaj mokas ilin per nia kultura barbareco. Kolektu, fratoj, kolektu vian trezoron, antaŭ ol la vento de l' tempo ĝin pereigos! Panon el la tero, belecon el la popolo; la popolo estas nia patro, kaj la tero — patrino nia.

El kroata lingvo tradukis *Rud. Sigl.*

## La popoloj en siaj spritaĵoj.

Amerika profesoro provis konstati la plej preferatajn spritaĵo-temojn de diversaj popoloj. Li havis jenan rezulton:

Anglo ŝatas spritaĵojn pri kisoj, sukcesaj vetoj, mallertaj golf-ludantoj, ebriuloj kaj pri bopatrinoj. Franculo ridas pri soldatoj, akuŝistinoj, frivolaj sinjorinoj, germanaj plezurvojaĝantoj, estrar-krizoj kaj — bopatrinoj. La germana bonhumoro ĝojas pro distrita profesoro forgesanta sian ombrelon, pro knabinoj ravataj de oficiroj, pro edzo nehavanta domŝlosilon kaj pro — bopatrinoj. En Italujo estas favorataj la ekleziulo vastventra, sinjorinaj ĉapeloj, stratbuboj de Napolo kaj — la bopatrinoj. La amerikanoj fine amuziĝas preskaŭ pri ĉio, precipe pri la ceremoniemo angla, pri viskio deklarita kiel limonado, pri aŭtomobiloj de Ford kaj — ankaŭ pri bopatrinoj.

Ŝajnas do, ke la mondo ŝuldas multe da danko al la amuziga speco de bopatrino. *Fr.*

# Enigma angulo.

## 1. Silab-enigmo.

a, a, a, a, ad, dek, do, do, ga, go, ĝo, ju, ki, kro, laŭ, le, li, lo, lu, me, mi, mu, mu, na, ni, no, nor, o, o, po, rang, sa, ses, sko, tan, tan, to, to, to, tro, u, vin, vo.

El ĉi-supraj 45 silaboj estas formotaj 14 vortoj, kies komencliteroj, desupre malsupren legataj, signifas proverbon; ankaŭ la triaj literoj, desupre malsupren legataj, signifas proverbon.

La vortoj signifas: 1. optika instrumento, 2. objekto antaŭgardanta la personon, kiu ĝin portas, 3. ĉiela direkto, 4. speco de simio, 5. bruego, 6. flamigilo, 7. rivero en Afriko, 8. produktaĵo de besto, 9. urbo en Japanujo, 10. volverampa kreskaĵo, 11. akompananto de ĉefoficiro, 12. jara sezono, 13. kantbirdo, 14. nombro.

## 2. Vizitkart-enigmo.

*Leo C. C. Kromonte*
*Paris*

Kiun profesion havas tiu ĉi sinjoro? Oni trovas ĝin, alie ordigante la literojn de la vizitkarto.

## 3. Krucvort-enigmo.




La *horizontalaj* vortoj signifas: 1. lando de feliĉo, 5. vendejo, 8. kreskaĵo kaj manĝaĵo por bruto, 12. cifero sub cent.

La *vertikalaj* vortoj signifas: 1. arbofrukto, 2. esti reganto, 3. porcio, 4. ĉirkaŭumo, 6. vira besto, 7. aufikso, 8. materialo por vestoj, 9. persona pronomo, 10. moviĝo de akvo, 11. fluidaĵo por skribi.

Ĉiuj vortoj sen gramatika finaĵo.

Solvoj en n-ro 3.

## Solvoj el n-ro 1.

1.

1. FuNdamento
2. EpOso
3. LaRdo
4. ItAlujo
5. CeJano
6. HaVeno
7. ApOstrofo
8. NiNive.

Feliĉan Novjaron!

2.

*Horizontale:* 1. bal, 2 bas, 5. anatomi, 8. general, 11. dom, 12. fer.

*Vertikale:* 1. boa, 3. ski, 4. et, 6. aln, 7. okr, 8 gad, 9. ek, 10. lir.

# El Scienco kaj Tekniko.

### Nova Rejnponto.

Kolonjo (Köln) baldaŭ ricevos sian kvaran feran Rejnponton. La nova ponto interligos ĝin kun la antaŭurbo Mülheim. Jam oni aranĝis konkurson de famaj firmoj kaj premiis el la 37 proponitaj projektoj tian de la firmo Krupp en Rheinhausen. La premiita projekto antaŭvidas ponton, kiu en potenca arko sen enakva kolono transigas la riveregon. La arko havos longecon de 336 m kaj altecon de 50,5 m kaj estos la plej granda pontarko en Eŭropo. La konstrukosto estos ĉ. 11 milionoj da rmk., sed preskaŭ saman sumon postulas la kostoj por akiro de l' fundo en Mülheim, kie tutaj stratoj kaj placoj devos malaperi. Tamen, ankoraŭ ne estas certe, ĉu la premiita ponto estos efektivigata, ĉar multaj rondoj deziras pendponton.

### Du viktimoj de la scienco.

La 11-an de decembro mortis en Parizo, je aĝo de 24 jaroj, studento de medicino Henri Vadon. Antaŭ unu jaro, laborante en unu el la Parizaj hospitaloj kiel asistanto, s-ro Vadon dum operacio de kancero grave pikis sian maldekstran brakon. Baldaŭ amputo fariĝis necesa. Tiam la registaro rekompencis la junan viktimon de la scienco per la Kavalira kruco de la Honora Legio. S-ro Vadon denove laboris sur sia posteno, sed la malsano progresis, kaj post jaro de suferoj la juna studento mortis en la brakoj de sia patro, kuracisto kiel li.

Pariza inĝeniero Fernand Ducretet, direktoro de fabrikejo de sciencaj aparatoj, estas nova viktimo de Roentgenaj radioj. Jam en 1908, kiam li fabrikis aparatojn por la radioj X, li estis atakita de malsano, kiu iom post iom detruis ĉeletojn sur brusto, vizaĝo kaj brakoj. Dum 20 jaroj s-ro Ducretet estas submetita al 19 operacioj, kaj nun, preskaŭ blinda, li devos submetiĝi al la dudeka. La laboristoj de la fabrikejo sendis petskribon al la ministro de Laboro, por ke ĉi tiu viktimo de scienco ricevu kiel rekompencon la krucon de la Honora Legio. *Alo*, Paris.

### Kurioza skribmaŝino.

Amerika profesoro de la psikotekniko konstruis apartan skribmaŝinon bruegantan por la ekzameno de la nervoj de stenotipistinoj. La maŝino samtempe sonigas sirenon, sonorigas sonorilojn, frapas sonigilon kaj ankoraŭ skuas ladskatolon, kiu enhavas ŝraŭbilojn kaj najlojn. Aparta registra aparato anoncas plej precize la efikon de ĉi tiuj interesaj kombinaĵoj de bruoj je la nervoj de la ekzamenataj personoj. Kiu eltenas la ekzamenon, ricevas specialan ateston por enoficiĝo en ŝipkonstruejoj, kaldronforĝejoj kaj similaj laborejoj. *ch.*

# Diversaĵo.

### Ankoraŭ ekzistas aventuroj.

En nia januara numero ni raportis pri la stranga kariero de kuraĝa aventuristo germana, s-ro Joseph Klems el Düsseldorf, kiu post diversaj travivaĵoj fariĝis ĉefo de l' generalstabo de Abd el Krim en Maroko kaj akceptis la nomon El Hadj Aleman. Lia kariero ŝajne finiĝos malfeliĉe, ĉar eble li estos kondamnita je morto, kiel kaptito de la francoj. Pli feliĉa fariĝis la sorto de alia aventuristo, filo de terkulturisto kaj nun reĝo super reĝoj: temas pri Riza Ŝah Palavi, la imperiestro de Persujo, fondinto de nova dinastio. Riza estas altkreska bela viro, laŭdire la plej forta viro de Persujo, iom pli ol 50-jara. Lia patro estis kamparano en Masandaran. Kiel 20-jarulo Riza venis al Teheran, kie li estis servisto dum kvin jaroj, interalie ĉe la nederlanda ambasadoro. En 1918 li fariĝis soldato, 1920 li estis oficiro. 1921 la ĉefredaktoro de jurnalo Zia Eddin faligis la registaron de l' ŝaho Aĥmed, kaj laŭ lia komisio Riza Kan okupis la ĉefurbon. Post tio Riza fariĝis armemarŝalo kaj komencis reorganizi la armeon, obeigi la ribelemajn gentojn unu post alia, kaj fine li faligis la registaron de Zia Eddin kaj mem fondis novan kabineton, kies militministro li estis. En 1924 li fariĝis ĉefministro kaj obeigis la lastan ribelulon, ŝejkon Kasal de Kurdistano. En 1925 li detronigis la ŝahon Aĥmed, kiu vivis en Francujo kaj rifuzis reveni en sian landon, kaj la nacia kunveno elektis Rizan, la „liberiginton kaj savinton de l' patrujo", kiel novan ŝahon. Riza ne scipovas legi kaj skribi, sed li estas volforta kaj organizkapabla viro — kaj amata de sia popolo.

### Telegrafistoj sur grandaj aviadiloj.

La gazetara servo de Int. Transportlaborista Federacio sciigas laŭ la angla gazeto Daily Herald, ke estonte ĉiuj aviadiloj, kiuj transportas dek aŭ pli multe da pasaĝeroj, estas akompanotaj de spertaj markonistoj (telegrafistoj laŭ sistemo de Marconi), tiel ke la piloto povos dediĉi sian tutan atenton al la pilotado de l' aviadilo. Plua novaĵo estas, ke de la aviadilo oni povos paroli uzante signojn laŭ Morse. La ĝisnunaj spertoj pruvis, ke la paroladoj radiotelefonaj estas tro ĝenataj pro la granda disvastiĝo de la radioservo. La transiro al la uzado de Morse-signoj okazas konforme al decido de Internacia Komisiono por Aerveturado. La angla aerveturа kompanio Imperial Airways Ltd. jam instruigas mekanikistojn por aviadiloj kiel markonistojn.

### 30 miliardoj da telefonaj paroladoj

okazas dum unu jaro en la tuta mondo, preskaŭ du trionoj (ĉ. 19 miliardoj) sole en Usono. Meznombre ĉiu loĝanto de Usono parolas 180foje dum unu jaro: en Danujo por ĉiu loĝanto estas registritaj meznombre 121 paroladoj, en Norvegujo 113, Svedujo 96, Aŭstrio 42, Japanujo 38, Argentino 37, Nederlando 36, Germanujo 34, Hungarujo 30, Francujo 18, Britujo 18, Belgujo 16, Italujo 8 paroladoj. Sur la tuta tero ekzistas pli ol 21 milionoj da publikaj telefonoj.

### Malgrandaj sciigoj el Usono.

La nombro de aŭtomobiloj en Usono estas preskaŭ dudek milionoj. La nombro de personoj mortigitaj per aŭtomobilo estis en 1926: 21 627. La nombro de mortintoj per venena alkoholo estis 400. La nombro de linĉmortigoj estis 29 (en 1925: 16), el kiuj 22 negroj, 6 blankuloj kaj unu indiano.

Usono havas 18000 publikajn librejojn kun 90 000 000 libroj.

Dum 1926, usonanoj elspezis ĉ. 700 milionojn da dolaroj en Eŭropo, 900 milionoj estas senditaj de usonanoj al siaj gefamilianoj en Eŭropo. Eŭropo nun ŝuldas al Usono 12 miliardojn da dolaroj.

### Centfoje li savis vivon.

Laŭ gazetinformoj, librotenisto Briez en Parizo ricevos la Krucon de la Honora Legio, ĉar li savis la vivon de cent personoj per transigo de sango; ĉiujn transigojn li faris senpage.

### Loĝantaro de francaj urboj en 1827.

La gazeto „Le Dimanche Illustré" donis jenajn ciferojn pri la loĝantaro de la ĉefaj francaj urboj en 1827 kaj 1927:

| | 1927: | 1827: |
|---|---|---|
| Paris | 2 871 429 | 890 431 |
| Marseille | 652 196 | 115 943 |
| Lyon | 570 840 | 170 875 |
| Bordeaux | 256 026 | 93 549 |
| Lille | 201 921 | 69 860 |
| Nantes | 184 509 | 71 739 |
| Toulouse | 180 771 | 53 319 |
| Nancy | 174 491 | 29 122 |

*Alo*, Paris.

### La testamento de Cortes.

Post multjaraj esploroj, meksika jezuita pastro Mariano Cuevas fine sukcesis trovi la testamenton de Fernando Cortes, la fama hispana „konkvistadoro" kaj konkerinto de la regno de l' aztekoj en Meksiko. La testamento troviĝis en arkivo de notario en Seviljo (Hispanujo) kaj estis skribita du tagojn antaŭ la morto de Cortes. La vereco de la testamento estas nedubebla, ĉar ĉiuj paĝoj estas signitaj per Marques del Valle — titolo, kiun posedis Cortes. Kune kun la testamento estas trovitaj kelkaj leteroj de la fama konkvistadoro.

# Lingva tasko.

### Korektota tasko.

(En la sekvonta alineo devas esti aldonataj la finaĵoj mankantaj kaj signitaj per streko.)

Sur la boat— staris granda malhel— ombr—. Ĝi ten— long— stang—. La stang— ĝi met— sur la plank— de la boat—, spion— rigardis ĉirkaŭ—, murmur— ion en si— barb— kaj poste sin mem kuŝ— apud la stangon en la ventro de la boat—. La ombr— est— vir—.

### Solvo

el la januara numero.

### Senpaga vespermanĝo.

Viro kun tri infanoj eniris en restoracion. Ili altabliĝis, kaj post rigardo al la menuokarto la viro vokis kelnerinon kaj mendis kolbasojn por ĉiuj. Kun ĝoja mieno la infanoj manĝis la kolbasojn, la viro ankaŭ.

„Ĉu mi mendu pli da kolbasoj?" demandis la viro la infanojn.

„Jes, certe," ili ĥore ekkriis.

„Kelnerino! Pli da kolbasoj por la infanoj kaj kruĉon da biero por mi!"

Post plenumo de la mendo, la viro trinkis la bieron kaj diris al la infanoj: „Estu bonaj infanoj, finmanĝu viajn kolbasojn kaj restu ĉi tie! Mi eliros por aĉeti sukeraĵojn por vi kaj revenos post du tri minutoj."

Pasis du, tri, kvin, dek minutojn, kaj la infanoj eksilentis Alproksimiĝis al ili la kelnerino kaj demandis, ĉu ili scias, kiam ilia patro revenos

„Patro?" ili respondis. „Tiu viro ne estas nia patro. Li renkontis nin ekstere sur la strato kaj demandis nin, ĉu ni ŝatus manĝi kolbasojn, kaj kiam ni respondis, ke jes, li kondukis nin ĉi tien."

Kompreneble la viro neniam revenis, kaj per tiu ruzo li havigis al si kaj al la infanoj bonegan vespermanĝon senpagan.









# Anoncetoj.

(Klarigoj: L = leteroj, PK = poŝtkartoj, Pl = poŝtkartoj ilustrita PM = poŝtmarkoj, MB = monbiletoj, kĉl. = kun ĉiuj landoj, bfl. = [Poŝtmarko] bildflanke.)

F-lo José Grifé, 16 jaroj, librotenisto, str. Manresa 19, Monistrol de Montserrat, Hispanujo, deziras interŝanĝi Pl kĉl. [2

8 junuloj volas korespondadi kun la tuta mondo. Skribu al Miĥaelo Szverle, Orosháza, I.—813, Hungarujo. [1

S-ro A. Fröhlich, Berlin O. 112, Sonntagstr. 5, Germanujo, deziras korespondi per L kaj Pl kĉl.

S-ro Tomasz Benisz, Warszawa, Ludna 9 m 50, Polujo, interŝanĝas Pl (bfl.). Ĉiam respondos.

S-ro Boris K. Popov, Petrič, Bulgarujo, deziras korespondi per L kaj Pl kun gesamideanoj tutmondaj. Ĉiam respondos.

S-ro Tomasz Benisz, Warszawa, Ludna 9 m 50, Polujo, interŝanĝas PM kun komencantaj filatelistoj.

Fotografisto deziras interŝanĝi kun samfakanoj fotografaĵojn, indajn por esti lokigataj en ilustrita gazetaro. Warszawa, Polujo, Chmielna 8, fotograf Golosow.

Junulo, lernanta Esperanton, deziras korespondi. S-ro Alf Andersson, Medbön, Svedujo.

S-ro Heinz Pfeil, Horrem Bez. Köln, Germanujo, deziras interŝanĝi Pl, PM ktp. kun Albanio, Danujo, Grekujo, Islando, Estonio, Litovio, Turkujo kaj ekster Eŭropo. 1]

F-lo H. Ladiwig, Flensburg, Brisestr. 15, Germanujo, interŝanĝas Pl. Certe respondos.

S-ro Josef Fleischl, Pelhřimov (Pilgram), Ĉeĥoslovakio, deziras interŝanĝi PM kĉl por ĉio, kion vi deziras ricevi (gazetojn, L, PK, Pl, MP kaj MB.).

S-ro Alwin Höpfner, Neckargartach, Leinbachstr. 40, Germanujo, deziras interŝanĝi kaj korespondi per Pl kun la tuta mondo.

S-ro Bird, p. a. s-ro Jožef Drahsler, Jesenice Fužine št. 137, Jugoslavio, deziras korespondadi kĉl, precipe kun landoj kiuj ne havas bredon de kanarioj, per L kaj PK.

F-ino Edeltraut Pachaly, Flensburg, Waitzstr. 12, Germanujo, deziras interŝanĝi Pl kun la tuta mondo.

Laŭleĝe deviga teksto germanlingva: Verlag und Druck (Eldonejo kaj Presejo): Gebr. Jung, G. m. b. H., Horrem bei Köln. Verantwortlicher Schriftleiter (Respondeca Redaktoro): Teo Jung, Horrem b. Köln